

# La Amsterdama Katedro

**Informilo pri agadoj rekte ligitaj al la katedro pri Interlingvistiko kaj Esperanto ĉe la Universitato de Amsterdamo.**

Kompilas: Wim Jansen (WJ)
Aperas: en januaro, majo kaj septembro
Kiel: PDF-dosiero alkroĉita al retcirkulero
Reagu al: wimjansen@casema.nl

Numero (22) 2/2013, majo 2013

*La Amsterdama Katedro* estas kvarmonata retbulteno, kiu informas pri ĉiuj agadoj, rekte ligitaj al la speciala katedro pri Interlingvistiko kaj Esperanto ĉe la Universitato de Amsterdamo (UvA). Por la estraroj de Internacia Esperanto-Instituto (IEI) kaj de la LA de UEA *Esperanto Nederland* ĝi estas kvazaŭ perioda raporto pri la stato de institucio, kiun ili kune financas. La bulteno direktas sin al ĉiuj interesitoj en la Esperanto-movado, kiuj trovu en la enhavo stimulon por diskonigi la ekziston kaj la rolon de la katedro, kaj ideojn por sia propra informado pri Esperanto. Ĉi tiu dokumento estis aktualigita la 16-an de majo 2013 kompare kun la eldono (21) 1/2013 de la 22-a de januaro 2013.

## Instruado de Esperanto

La duasemestra kurso de Esperanto okazis de la 5-a de februaro ĝis la 21-a de marto 2013, kaj la ekzamenoj la 26-an de februaro kaj la 28-an de marto. Aliĝis al tiu ĉi kurso 20 studentoj, el kiuj 14 sukcesis post la dua ekzameno. La riparekzameno por la ses nesukcesintoj estas planata por la 28-a de majo. Kelkaj studentoj restas en kontakto por pliperfektigi sian preparadon por tiu ĉi lasta ŝanco. La fina statistiko aperos en la septembra numero de *La Amsterdama Katedro*.

## Aktualaĵoj

- En kunveno inter reprezentantoj de Esperanto-Asocio de Britio (EAB) kaj la Universitato de Liverpolo, la 1-an de majo 2013, estis decidite, ke oni organizos komunan seminarion, prioritate por universitataj studentoj de Liverpolo kaj Amsterdamo, de la 26-a ĝis la 28-a de marto 2014. Ĝi sekvos tri liniojn en parte paralelaj sesioj, kiuj kovros intensivan enkondukan kurson de Esperanto, la literaturon de Esperanto (kiun gvidos Paul Gubbins surbaze de sia nova dulingva antologio *Star in a night sky*) kaj lingvosciencajn facetojn de Esperanto (kiun gvidos mi). Prelude al tiu seminario mi prelegos en Liverpolo la 17-an de oktobro 2013.

- Dank' al subteno de la asocio *Esperanto Nederland*, kunfinancanto de la katedro, publikiĝas (kaj parte jam publikiĝis) la sekvantaj dokumentoj en limigitaj eldonkvantoj:

    1. *Enkonduko en la interlingvistikon*. Lernolibro akompananta la elektokurson pri interlingvistiko. Akademia jaro 2012-2013. Bindita memorlibro, FGW-13-105218036 (jam aperis).

2. *Esperanto*. Gramatika gvidlibro akompananta la elektokurson pri Esperanto kaj la lernolibron *Esperanto via de directe methode*. Akademia jaro 2012-2013. Bindita memorlibro, FGW-13-105218022 (estas distribuata).
3. *Administraj mejloŝtonoj de la speciala katedro pri Interlingvistiko kaj Esperanto, 2002-2013*. Broŝurita kolekto de dokumentoj (aperos antaŭvideble en junio).
4. *Novaĵbultenoj kaj malgrandaj publikigoj de la speciala katedro pri Interlingvistiko kaj Esperanto, 2002-2013*. Broŝurita kolekto de dokumentoj (aperos antaŭvideble en oktobro).

Favore al pli ĝenerala kompreno mi donis ĉi-supre la titolojn en Esperanto. La dokumentoj 1 kaj 2 estas tute nederlandlingvaj. La tria dokumento estos grandparte nederlandlingva, sed la enkonduko, antaŭparolo kaj la ĉapitraj resumoj estos dulingvaj. La kvara dokumento estos grandparte Esperantlingva, kun fragmentoj en la nederlanda kaj angla lingvoj. La enkonduko, antaŭparolo kaj la ĉapitraj resumoj estos en Esperanto kaj la nederlanda.

Ĉiu ero el la supre menciita listo estis/estos sendita al malgranda rondo da personoj, rekte ligitaj al la katedro, kaj al kelkaj Esperanto-bibliotekoj/arkivoj (IEI, UEA, GIL, Aŭstra Nacia Biblioteko, Germana E-Biblioteko, Esperanto Nederland). Kiam la kvaropo estos kompleta, ĝi estos deponita ankaŭ ĉe la Reĝa Biblioteko en Hago kaj ĉe la Internacia Instituto pri Socia Historio en Amsterdamo. Minimuma rezerva stoko, propraĵo de *Esperanto Nederland*, restos ĉe mi kiel redaktinto-kompilinto de la tuto.

- Ateliero en Vieno, la 5-an kaj 6-an de septembro 2013. La proponita enhava kontribuo pri Esperanto, detale citita en la maja numero, estis aprobita post kelkaj klarigoj. La unua malneto de la teksto de la prelego, 'An FDG approach to derivation and compounding in Esperanto', estis liverita antaŭ la limdato (1-a de aprilo) por juĝlegigo kaj aprobo por definitiva submeto. La komentoj de du juĝlegantoj estas atendataj ĝis la 31-a de majo.

- En januaro de tiu ĉi jaro komenciĝis mia okupiĝo pri la katalogado de verkoj pri Esperanto, esperantologio kaj interlingvistiko por la datumbazo de Modern Language Association (MLA) en Nov-Jorko, Usono. Tiun ĉi laboron mi transprenis de la longjaraj bibliografoj Humphrey Tonkin kaj Detlev Blanke kaj estos daŭrigata sub la standardo de UvA dum la venontaj kvin jaroj de mia emerita esploristeco. CO/UEA kolektas kaj disponigas laŭtakse katalogindajn librojn kaj artikolojn en periodaĵoj, kiujn mi elsarkas, indeksas kaj rekte enretigas al MLA dum ĉiumonataj surlokaj laborsesioj en Roterdamo.

- Mia kolego László Marácz (kiu prelegis en la Jarkunveno de GIL, Berlino, 2012, kaj kiun mi antaŭe akompanis al la ILEI-konferenco en Kopenhago, 2011) estas preparanta novan grandan projekton por EU, iusence kiel daŭrigon de la projekto *Toolkit*, kiun li prezentis en Kopenhago. Unu el la kunaŭtoroj estas la svisa sciencisto François Grin, konata en niaj rondoj pro sia simpatia starpunkto rilate al Esperanto. La projektsiglo estas MIME, *Mobility and Inclusion in Multilingual Europe*, kaj ĝi konkursas kun multaj aliaj por akiri eŭropan financadon. En la okazo de realiĝo de la projekto, mi enirus en ĝian sciencan konsilantaron, tiel plenumante unu el la postemeritaj projektoj, ligitaj al mia pludaŭra membreco de ACLC, la lingvoscienca esplorgrupo de UvA.

- La 8-an de junio mi prelegos, kune kun Nikola Rašić, dum la t.n. lingvotago de la asocio de interpretistoj *Tolken Select*.

Vidu: http://www.tolkenselect.nl/taaldag-2013-van-talenreis-naar-lingua-franca.

- La 9-an de junio mi prelegos antaŭ la Amsterdama esperantista grupo pri kelkaj interesaj kaj foje amuzaj aspektoj de la instruado de Esperanto dum mia deĵorado en UvA kiel katedrulo.

- La 22-an de junio mi raportos antaŭ la jarkunveno de Esperanto Nederland pri mia finiĝanta mandato ĉe UvA kaj pri la kvarvoluma dokumentado de tiu dekunujara periodo, kiun mi preparis kaj plu preparas okaze de tiu ŝanĝo.

## Publikigoj

- En la internacia fakrevuo *Linguistics* 2013, 51(3), sur la paĝoj 611–652 aperis mia anglalingva studo 'Esperanto parts of speech in functional discourse grammar'. Ĝi estas legebla ankaŭ enrete ĉe la eldonejo De Gruyter Mouton (DOI 10.1515/ling-2013-0022).

- Aperis en la 6-a kajero de *Esperantologio/Esperanto Studies* (EES-6) mia Esperant-lingva artikolo 'Vortoj kaj radikoj en Esperanto' (paĝoj 9–43) kaj la anglalingva artikolo 'The learnability of the reflexive in Esperanto' (paĝoj 71–96). La reta versio de EES-6 estas legebla ĉe http://www2.math.uu.se/esperanto/.

- La 85-paĝa gramatika gvidlibro, akompananta la elektokurson pri Esperanto kaj la lernolibron *Esperanto via de directe methode* en la akademia jaro 2012-2013 (FGW-13-105218022) estas disponigita en sia tuteco al www.edukado.net por libera enreta konsultado aŭ elŝutado. Ĝi estas tute nederlandlingva. Kiel lernolibro ĝi devus esti uzata kune kun la nederlandlingva versio de *Esperanto via de directe methode* (Stano Marček, 2007). Ĝi estas ankaŭ uzebla kiel konsultlibro, kies pritrakto de la gramatiko estas bazita sur la teoria kadro de la funkcia diskurs-gramatiko.

## Estonteco de la katedro

La 17-an de novembro 2012 aperis la varbanonco por nova katedrulo pri Interlingvistiko kaj Esperanto en la nederlanda gazetaro, kaj jam kelkajn tagojn antaŭe la universitato disvastigis ĝin en sia publike alirebla reto, tiel en la nederlanda kiel en la angla lingvo. La limdato por kandidatigi sin estis la 5-a de januaro 2013. Post tiu dato, la kuratoroj kunvenis pli ol unu fojon por diskuti la situacion. La 11-an de aprilo ili unuanime rekomendis al la dekano de la humanisma fakultato, ke UvA ebligu la nomumon de d-ro Federico Gobbo el Italujo kiel speciala profesoro por la periodo 2013-2018. Per jena gazetara komuniko de la 17-a de aprilo UEA enretigis kaj diskonigis la rekomendon.

**Federico Gobbo gvidos la katedron en Amsterdamo**

La kuratoroj de la katedro pri Interlingvistiko kaj Esperanto en la Universitato de Amsterdamo (UvA) rekomendas la italan lingviston Federico Gobbo kiel la novan estron de la katedro. D-ro Gobbo transprenos la taskon de prof. d-ro Wim Jansen, kiu emeritiĝos ĉi-jare kiel speciala profesoro. D-ro Gobbo (1974) estas unu el la plej aktivaj nuntempaj esperantologoj. Li estas i.a. estrarano de Centro de Esploro kaj Dokumentado pri Mondaj Lingvaj Problemoj (CED) kaj recenzredaktoro de la revuo *Language Problems & Language Planning*.

La katedro pri Interlingvistiko kaj Esperanto estis starigita en 1998 laŭ la iniciato de la nederlanda fondaĵo Esperanto en la Instruado, kiu komence ankaŭ respondecis pri ĝia financado. En 1994 ĝi kunfandiĝis kun Internacia Esperanto-Instituto, kiu sekve fariĝis la sponsoro. Ekde la 1-a de septembro 2013 UEA transprenos la respondecon pri la katedro, kiu estas la sola universitata katedro pri sia fako en la mondo.
La katedro havas tri kuratorojn. Du el ili, prof. d-ro A.P. Versloot kaj prof. d-ro P.C. Hengeveld estas nomumitaj de la universitato. Kiel la kuratoro nomumita de la financa garantianto ekde la komenco funkciis mag. Hans Erasmus, kiu ekde la nova studjaro estos sekvata de mag. Nikola Rašić kiel reprezentanto de UEA. Rašić ankaŭ partoprenis la elektadon de la nova profesoro kiel konsilanto.

La definitiva nomumo kaj profesorigo de Gobbo sekvos post la aprobo de la rekomendo fare de la estraro de UvA.

Ĉe la sojlo inter mia foriro kaj la alveno de Federico Gobbo okazos:

**Adiaŭa prelego**

Okaze de mia forlaso de la katedro mi faros mian publikan adiaŭan prelegon je la 16-a horo de la 27-a de septembro 2013, en la porceremonia universitata domo Agnietenkapel, Oudezijds Voorburgwal 229-231, 1012 EZ Amsterdam.
En ĝi, mi skizos kelkajn facetojn de mia lastjara esplorado pri Esperanto kaj provos klarigi, precipe kaj prioritate al la ĉeestanta esperantistaro, ĝian gravecon por nia propra kompreno de la lingvo kaj ĝia instruado.

## La venonta novaĵletero

estos numero (23) 3/2013 kaj aperos en septembro 2013, ĉe la fino de mia mandato kiel katedrulo.

Wim Jansen, la 16-an de majo 2013

WJansen